# HAMBURG Esperanto



6/2007
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto
Societo r. a.



**Festivalo de la Kulturoj**
Sur la tereno de la Hamburga Universitato je 14.-16.9.07 estis organizita aranĝo de multaj budoj, kie estis prezentitaj tute diversspecaj varoj, manĝaĵoj, trinkaĵoj kaj informoj kaj varbaj paperoj. La membroj de HES ankaŭ havis standon por informi kaj varbi por nia lingvo. Por interesitoj estis preparita provleciono la 22.9.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

**Karaj legantoj,**
vi tenas enmane jam la numeron 6/07. La venonta ne estos la numero 7/07, sed jam 1/08 (Decembro kaj Januaro).
Evidente la somero pasis, kaj jam la hejtiloj de nove estas bezonataj. La vorto somero al multaj homoj ŝajnas ŝerco ĉi-jare, tro da pluvo ĝenis.
Fakte en 2007 la somero okazis en Aprilo! Tiam dum longa tempo estis vere varma, suna vetero. Grumbli ne helpas, ni nur povas atendi venontan jaron – kaj esperi.

*Benno Klehr*

Redaktofino de
n-ro 1/2008: 15-11-2007

**Sentenco**
Nenio estas neebla
– por tiu kiu ne devas
fari la laboron.

*N. N*

**La Zamenhoffesto**
en Hamburg okazos la 8an de Decembro, kiel kutime ek de la 19a horo en la Eperanto-domo.

En Berlin ĝi okazos la 15an de Dec. 2007. Same en Herzberg.

## Nia programo

| Oktobro | Novembro |
|---|---|
| **4** *Jutta Sültz:*<br>**NASK** Nordamerika<br>Somera Kursaro | **1** **Klubaj Aferoj, aktu-kaj alaĵoj kaj planoj** |
| **11** **Inkuboj**<br>Filmo, DVD | **8** **Gerda malaperis**<br>Filmo, DVD, 90 min |
| **18** *Friedr. Wollenweber:*<br>**Heinrich - libro en pluraj lingvo** | **15** sen speciala<br>programo |
| **30** **16:30 Nova kurso en la Hamb. Universitato** | **22** *Benno Klehr:*<br>**Lingvaj Ludoj** |
| **25** sen speciala<br>programo | **29** *Pia Haasis*<br>prezentas siajn<br>**pentraĵojn** |

**informilo – Esperanto Hamburg**

La bulteno de la Hamburga Esperanto-societo jam aperis sub la nomo **Informilo** en la komenco de la Hamburga movado. Ĉiumonata simpla folio, nur unuflanke presita, enhavis la datojn de la klub-vesperaj programoj kaj aliaj aranĝoj. La produktado okazis per ne plu uzata malnova tekniko. En la 1970aj jaroj foje nova tekniko estis uzata, kvankam oni taksis fotokopiojn tro multekostaj. Sed eblis dorsflanke publiki pliajn informojn. En la 1980aj jaroj la **Informilo** aperis en faldita formo por du monatoj. Multaj aliaj kluboj nomas sian bultenon Informilo, do la bulteno de la Hamburga Esperanto-Societo fariĝis ***HES-Informilo***. La mallongigo HES ekster Hamburg ne estis konata, do ĝi fariĝis ***Informilo Hamburg***, kiu iom post iom estis farita per komputile skribitaj tekstoj. Pro novaj grafikaj eblecoj la bulteno ricevis novan aspekton. Kune kun la ĝenerala aspekto ankaŭ la titolo ricevis novan grafikaĵon – kaj nomon ***Esperanto Hamburg***.

*Benno Klehr*

**Fotoj el la festivalo de la kulturoj**



Kiel videble sur la titolpaĝo, dum tempo sen pluvo la placo kun la budoj estis vizitata de multaj homoj. Bedaŭrinde ĉe standoj de informantaj organizaĵoj, kie ne estis manĝaĵoj aŭ vestaĵoj, oni spertis negrandan intereson. La homoj ĝenerale ofte nur interesiĝas pri materiaj aferoj.
Almenaŭ tiuj kiuj venis al ni, ricevis informojn de ni kaj povis kunporti diversajn presaĵojn. Tiuj kiuj deziris lerni Esperanton, povis kunporti kuponon por senkosta provleciono.

Sur la fotoj nur videblas Gerald, Sylwia, Jürgen, Ralph. Ankaŭ deĵoris multaj aliaj: Kerstin, Jutta, Mariko, Volker, Hannelore, Pia, Benno, Reinhold kaj Sebastian.

